# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Junio 1997 68-a jaro, n-ro 6 (1104)

ISSN 1163.0442 *Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem* MENSUEL/MONATA

## ANTAŬ KVINDEK JAROJ
## LANTI SIN MORTIGIS

memore al li, p. 63





AUGSBURG

Dumil-jara bavaria urbo atendas vin kun siaj vidindaĵoj kaj gastamo

### EN ĈI NUMERO



SAT SUR TTT : http://www.worldnet.net/~sat-esp/

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## EL LA REDAKTEJO

*Karaj gekamaradoj,
alproksimiĝas somero kaj nia kongreso. Ĉu vi jam aliĝis ? Ne faru tion lastmomente, ĉar vi riskas esti malkontenta pri disponeblaj loĝlokoj.
En tiu ĉi numero inter diversaj interesaj artikoloj vi trovos nian jaran raporton. Ne forgesu kunporti ĉi tiun numeron kun vi al la kongreso, kiu estos certe grava por la estonto de nia asocio. Multaj problemoj troviĝas antaŭ ni kaj ni devos trovi taŭgajn solvojn. Pro tio ni bezonas vin, viajn ideojn kaj vian kunlaboron. Ni devas jam nun komenci la preparojn por ke nia asocio eniru la 21-an jarcenton renovigita, refortigita kaj agopreta. Vidante la aktualan situacion en la mondo oni povas pli kaj pli konvinkiĝi ke nia asocio estas nepre necesa kadre de la E-movado kaj tutmonda laborista movado. Kaj fine, pagu vian kotizon al SAT por ke ni ne estu devigataj haltigi la sendon de Sennaciulo al via adreso. La eventuala posta sendo estas multe pli kosta. Ni ŝparu !*

*Via Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo : 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, Telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
E-poŝto : sat-esp@worldnet.net.
Oficejo malfermita : lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo : 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto : SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas : Redakta komitato - Y. Peyraut, P. Lévy kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo : SAT, 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, Francio.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
**
Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, F-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication :
Yves PEYRAUT.
Abonnement annuel/jara abono, France : 320 FF.
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.

**Commission Paritaire n° AS-74399**
**Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.**

## LIBERECANA FRAKCIO DE S.A.T.




## DUCENT JAROJ DE LA PROCESO DE "EGALANOJ" 1797 - 1997

Kial proceso de "Egalanoj" ? Ĝi okazis dum la "direktoria periodo" kiu deziris ĉesigi la revolucion. Tiuj, kiuj nomiĝis "Egalanoj" intencis daŭrigi la burĝan revolucion al la sociala. La "Egalanoj" kaj iliaj aliancanoj, organizitaj ĉirkaŭ Babeuf antaŭvidis provoki popolan ribelegon. Sed, antaŭ ol ili povis agi, la polico arestis ilin kun akuzo pri konspirado. La proceso okazis en Vendome, malproksime de Parizo por eviti manifestaciojn fare de la "senkulotaj" parizanoj (temas pri nobela pantaloneto ĝis sub genuoj). La 1-an de septembro 1796 la policanoj kondukis ilin al la malliberejo de Vendome. La proceso komenciĝis la 20-an de februaro 1797 kaj la verdikto estis prononcita la 26-an de majo. Ĉiuj estis mortkondamnitaj. La 27-an de majo ili estis ekzekutitaj per gilotino sur la "Armea placo" (nun Respublika placo). Tiu mortiga maŝino funkciis en Vendome nur unu solan tagon dum la revolucio.



### SIEĜOSTATO EN VENDOME

La ĉambroj de la Trinite-abatejo estis uzataj kiel malliberejo kaj juĝejo (tien venis parizaj juĝistoj). Urĝe prepari juĝadon necesigis multajn aranĝojn kiuj donis laboron al multaj manlaboristoj kaj metiistoj, sed ili estis malkontentaj pro prokrastita pago. Tamen, la politika direktorio timis la popolajn manifestaciojn favore al akuzitoj. Vendome estis en sieĝa stato. La urbo fariĝis fortikaĵo kaj la abatejo estis plenplena de kanonoj. Tie troviĝis 1500 soldatoj, ĉu piede aŭ sur ĉevaloj, pli da ol estis familioj en la urbeto. Ĉiuj barkoj sur la rivero Luaro estis subakvigitaj kaj la lumoj estis estingitaj.

### SINTENO DE LA VENDOMANOJ

Rilate al la proceso kaj kulpigitoj estis diversaj sintenoj. Iuj aprobas aŭ ne la gazetojn kiuj konsideras la kulpigitojn teroristoj kaj anarkiistoj. La riĉa societo (venkanta burĝaro) frekventas videble la juĝistojn, la oficirojn kaj organizas vespermanĝajn festojn kaj balojn. Multaj civitanoj kompatis la akuzitojn kaj iliajn familiojn, aliaj agis solidare, helpante kaj gastigante la familion Babeuf, eĉ pripensis liberigon de akuzitoj. Ge-Hesine aperigis gazeton dum la proceso por defendi ilin. Aliaj kantis ĥore kun Babeuf kaj Darthé fine de ĉiu juĝada kunsido. Buonarroti, kompano de Babeuf, verkis libron pri la "Egalanoj".
(*Kompilanto: ĉu post eventoj de 1848, 71 en Francio, la implodo de Sovetio, la eventualaj regontoj riskos revolucion ?*).

ROPO



# El la Mondo



# ANTAŬ 50 JAROJ

Okazis la kutima sabata kunveno de SAT en Parizo, antaŭ 50 jaroj. Lucien Bannier anoncis : *"Mi havas gravan informon . Lanti mortis. Li sin mortigis en Meksiko"*.

Ni sciis ke la patro de SAT suferis pro netolereblaj kapdoloroj, certe respondecaj pri lia lasta, definitiva ago, sed tre verŝajne ankaŭ influis lin la mensaj sekvoj, kiujn li antaŭvidis post la baldaŭa cerba operacio. La kutimaj gajaj konversacioj ĉesis. Ŝtoniĝis la atmosfero. Subite io ŝanĝiĝis. Ni iel fariĝis orfaj. La konsilanto, la mentoro, ne plu estis inter ni. Malgraŭe, ni sekvos la montritan vojon kaj provos adaptiĝi al venontaj malfacilaj cirkonstancoj.

La SAT-organizo instigis arogantajn kontraŭulojn al Lanti. Kiel kutime en la sociaj medioj, la plej gravaj malamikoj al progresemaj ideoj venas el la anaro mem. Tion spertis Esperanto kun Ido, tion spertis komunismo kun stalinistoj, tion spertis SAT kun (ankoraŭ ili) la stalinistoj, k.t.p. Lanti energie frontis kaj helpe de fideluloj al la SAT-idealo sukcese savis la organizon.

"Mi konfesas, ke kiom ajn ni rompas al ni la kapon, ni neniel povas kompreni, en kio nome konsistus la malfeliĉo por la homaro, se en unu bela tago montriĝus, ke ne ekzistas jam plu nacioj kaj naciaj lingvoj, sed ekzistas nur unu ĉiuhoma familio kun unu ĉiuhoma lingvo." Kiu diris tion ? Ne Lanti, sed Zamenhof mem. La SAT-patro plugis tiun terenon kaj alvenis al sennaciismo, normala sekvo al la Zamenhofa antaŭvido. Sed tio kontraŭis al la gvidlinioj de Marx, Lenin, Stalin, papoj de komunismo, firme ŝtonigitaj en elasta internaciismo. Ĉu la Lantia sennaciismo kontraŭas al la sloganoj de la 19-a jarcento :" Proletoj el la tuta mondo unuiĝu !" aŭ "La proletoj ne havas patrion!". Male, ili tute intime ligas ĝin.

Lanti, kvankam facile flamiĝinta kontraŭ atakoj al siaj ideoj, estis profunde tolerema. Li ŝatis elfunde pritrakti temojn, la por, la kontraŭ. Lia polemikemo povis lin konduki, sub kaŝnomo, doni al legantoj argumentojn kontraŭ siaj propraj opinioj, argumentoj rebatotaj sub lia vera nomo.

La senĉesaj atakoj, la kalumnioj, la insultoj, finfine instigis lin forlasi la SAT-gvidadon, kvankam li restis en intimaj, konsilaj rilatoj kun Lucien Bannier, Glodo kaj aliaj SAT-fideluloj.

Lanti iniciatis la Plenan Vortaron kaj tiam kunlaboris kaj amikiĝis kun Waringhien. Ĉi lasta agnoskis sennaciismon. Li rilatis kun eminentaj Esperanto-lingvistoj kaj aŭtoroj en kies medio li ĝuis nedubeblan simpation. Cetere, dum sia monda rondvojaĝo li estis akceptita simpatie de multaj neŭtralaj esperantistoj. Nia neforgesebla amiko lasis al la Esperanta mondo du perlojn : SAT kaj Plena Vortaro, kiujn li iniciatis kaj kunlabore evoluigis sukcese.

*Dazun*

## TESTAMENTO

*"Karaj kamaradoj,*
*Jen apude la ŝlosilo de mia kofro. Kunvenu kune por ĝin malfermi kaj poste zorge esplori. Ĉio, kion vi trovos, estu por SAT. Bonvolu ankaŭ informi la francan konsulon pri mia morto kaj instigu lin finzorgi la klopodojn kun la sinjoro Davalos : temas reakiri 750 pesojn, kiujn oni havigu al kamaradino Limouzin-Adam, mia laŭleĝa edzino. En miaj paperaĵoj vi eble trovos manuskriptojn, kiujn SAT povos eldoni. Se eblas, oni komisiu al kamarado Norberto Bartelmes la taskon revizii miajn verkojn, antaŭ la re- aŭ eldono. Oni salajru lin por tiu laboro. Almenaŭ mi firme opinias, ke la "Manifesto de la Sennaciistoj" devas esti reeldonata kun antaŭparolo de Barbedet, kaj ĉe la fino miaj Postulatoj Sociologiaj. Multan alian mi ŝatus diri, sed tio pli daŭrigas mian martiriĝon (eble "martiro", nun mi ne scias). Ĉi tio estas mia testamento.*

*Eŭgeno Adam - Lanti"*



# El la Mondo

ALBANIO

## En la lando de agloj

Viziti unu el la plej fermitaj landoj dum la jardekoj eble estas deziro de multaj.

Tamen dum la lastaj monatoj la lando de agloj kaptas ĉiutage nian atenton, bedaŭrinde ne pro la bela naturo kaj abunda historio, sed pro gravaj enlandaj problemoj multaj, pro kiuj oni pli preferas observi la landon de malproksime, de siaj varmaj domoj.

Aktualajn vojaĝantojn al la lando de la agloj oni povas dividi en du ĉefajn grupojn: tiuj kiuj iras tien por perlabori (ĵurnalistoj) kaj tiuj kiuj iras helpi (internaciaj politikistoj kun ĉiaj pretaj "receptoj" en la poŝoj, internaciaj taĉmentoj kies celo estas zorgi pri la sendanĝera atingo de la internacia helpo).



*Skenderbeg - nacia heroo en la centro de Ţirana*

Mi certe ne apartenas al la unua grupo (por ne troigi ankaŭ ne tute en la dua, eble ie meze). Tial mi atentigas la legantojn pretajn eklegi kelkajn sensaciajn liniojn: tuj forlasu ĉi paĝon.

La flughavenon de Tirana mi atingis la 2-an de marto. Ĝi certe restos en tre bela rememoro pro palma alirvojo. Stratoj estis plenaj je homoj kiuj ĝuis belegan posttagmezon kaj lastajn horojn de la ordinara stato.

Venonta nokto portis ne nur al ili sed al la tuta mondo gravan atentigon: je la 1-a horo postnoktomeze estis proklamita eksterordinara stato. Tiu informo tamen eble dum la unuaj horoj plej zorgigis albanojn mem ol eksterlandanojn kiuj daŭrigis la observadon de malproksime.

Albanoj kiuj dum pluraj jardekoj fakte travivadis iun specon de la "eskterordinara stato" nun la unuan fojon kaj formale kaj praktike renkontiĝis kun tiu vorto.

En la aero fluis iom ĥaosa etoso. Krom la ordonoj: ke la lernejoj, fakultatoj kaj kulturaj instancoj (muzeoj, teatroj, ksm) ne funkcios, kaj ke la vendejoj kaj kafejoj devas esti fermitaj jam de la 15-a horo kaj ke pli ol tri personoj ne rajtas renkontiĝi sur la publika loko, en la ŝtato ekregis la polica horo. Tiuj ordonoj iomete konfuzis la popolon. Pluraj kuris al la plej proksimaj vendejoj por aĉeti plej necesajn aĵojn. Tamen dum postaj tagoj, la situacio pli klariĝis, danke al tio ke la polica horo plimallongiĝis kaj la vendejoj rajtis plilongigi la laborhoron.

En la centro de Tirana homoj promenis. Ke okazas io, oni povis konstati nur pro pluraj grupetoj da policanoj surstrate. (Centro de la buĉado estis for de la ĉefurbo). Gravajn ŝtatajn konstruaĵojn (ministerioj, oficejoj, ka.) krom la policanoj gardis ankaŭ soldatoj.



*Surstrata vendisto en Tirana*

Dum la matenaj horoj, homoj amasiĝis nur antaŭ la oficejoj kiuj redonadis la enpagitan monon. Ŝajne ne ĉio estas perdita.

Nacia televido dum la tuta tago prezentis la sportajn elsendojn kaj filmojn kiujn interrompadis la novaĵoj. Foje, oni havis la senton ke okazas inverse.

Malgraŭ ke plurfoje dum tago televido atentigas infanojn lasi la hazarde trovitajn armilojn, novaĵoj ofte informis pri la vunditaj eĉ mortintaj infanoj.

En televido oni ankaŭ povis sperti mesaĝon: "Fratoj, ne perforto, ne armiloj sed amo kaj paco." Postajn tagojn montriĝis ke pluraj ne vere komprenis ĉi mesaĝon.

Ĉijare tre modeste, estis memorigitaj du festotagoj: la 7-a de marto - tradicia tago de albanaj ins-



# El la Mondo

truistoj kaj 8-a de marto internacia tago de virinoj. La unua tago, rememorigas al la fondo de la unua albana lernejo en Korce dum la jaro 1887. Tiu tago kutime estas solene prifestata, sed ĉifoje la tagon memorigis nur albana filmo pri la fondo de la lernejo. Dua festotago estis intime prifestata en amikaj rondoj.

La Ĉefurbo vivis kutiman vivon: kaj en la centro kaj periferie estas troveblaj konstruejoj. Ŝajnas ke ili deziras rekapti ĉion perditan dum la jardekoj. Tiu gastigema kaj bonkora popolo deziras ke ilia lando ne plu estu la sinonimo de mizero. Eble ĝuste pro tiu granda deziro forgesi malfacilajn tagojn ili tro rapide kuris al la ŝanĝoj kion ili tre multekoste pagis per la nuna stato.



*Evakuo de eksterlandanoj per itala helikoptero*

Malgraŭ ke pluraj atendis, ke la armitaj taĉmentoj de la sudo kaj nordo ie renkontiĝos, neatendite la tirananoj mem eksentis la bezonon posedi la pafilojn kaj atakadis armilmagazenojn.

Sur la stratoj aperis la tankoj. Pritaksi la efikon de tiuspeca surstrata promeno mi ne kompententas. Tamen ja oni povis konstati almenaŭ unu malefikon: sur la stratoj kiuj mem ne estas bone konstruitaj restis la spuroj ofte eĉ tro akraj.



*En itala helikoptero forlasanta Albanion*

Pluraj ambasadejoj kaj internaciaj organizaĵoj decidis pro la danĝero evakui siajn ŝtatanojn. Plej organizitaj montriĝis usonanoj kaj italoj.

Lasta mateno dum kiu miksiĝis la pafado kaj birdkantado, lasta promeno sur la ĉefa strato de Tirana, bedaŭro pro pluraj nevizitaj urboj, pensoj pri nerenkontiĝintaj amikoj kaj helikoptera forflugo signifis la adiaŭon de la lando de la agloj al kiu ĉiuj bonkoraj homoj deziras rapidan revenon de la paco kaj bonstato.

*M. Beloŝeviĉ*

## EKZALTIĜO PER PRESTIĜO

*Por frostiĝi pro la rido,*
*el belgrada televido,*
*de l'usona armfakulo*
*al Rusio jen gratulo :*

*- Rusa fusil' "Kalaŝnikov"*
*estas certe la plej bona*
*pli efika, mortodona,*
*pli impona ol usona !*

*Kaj el tia prestiĝludo*
*sekvus mia fuŝkonkludo,*
*sed el fora racirando*
*spontaneas la demando :*

*- Kiam vivo en Rusio,*
*respektive en Serbio,*
*estos certe la plej bona -*
*pli impona ol usona ?*

Marko Petroviĉ

## HELPO AL LA ASOCIO

**En Svedio (SEK)** Huskvarna E-klubo 1000,00; Gällmo 75,00;

**En Francio (FRF)** Y. Peyraut 190,00;

**En Britio (GBP)** Ge-Rapley 6,00; A. Prent 22,00; E. Wheatley 2,00; J. Halliday 22,00; R. Roberts 97,00; P. Simons 8,00; M. Boulton 6,00; R. Horne 9,00;

**En Brazilio (USD)** D. Teixeira 50,00; A. Guedes Curopos 8,00; J. Dias Pinto 16,00; E. Ramis Dezena 4,00; J.O. Verga Rodrigues 14,00; H. Barreira 1,00; A. Eustaquio Santos 12,00; J. Calegari 18,00; M. Borges dos Santos 18,00; H. de Souza Rocha 2,00; L. Henrique Knoedt 32,00; A. Santos Assunçao 4,00; V. Paulo Werneck 2,00; I. Barbosa 4,00;



# El la Mondo

## HOMAJ RAJTOJ - KIO ESTAS TIO ?

Dum la lasta konferenco de UN-o pri Homaj Rajtoj en Ĝenevo, Ĉinio pligrandigis siajn venkojn kontraŭ Okcidento per la rezulto 7 : 1. Nome, post la masakro sur la placo Tien-an-men, okcidentaj ŝtatoj provis ĉiujare, kadre de la Komisiono pri homaj rajtoj, produkti rezolucion, kiu en milda formo atentigus pri la stato de homaj rajtoj en Ĉinio. Sepfoje la ĉinoj sukcesis forigi ĝin el la tagordo per plimulto da voĉoj kaj nur unufoje oni voĉdonis pri ĝi - sed, ĝi ne estis akceptita.

Ĉi-jare la ĉinia venko estas ankoraŭ pli evidenta ol tion montras la ciferoj. Ĉinio alvenis al la konferenco pli preparita ol iam ajn kaj tie la Okcidenta bloko tute disfalis kiam temis pri homaj rajtoj en Ĉinio. La plej altaj ĉinaj funkciuloj en la lasta jaro vizitis ĉiujn plej grandajn eŭropajn ĉefurbojn subskribante neformalajn politiko-ekonomiajn kontraktojn kontraŭ la netuŝebleco de demando pri homaj rajtoj en Ĉinio. Tiuj vizitoj estis tre fruktodonaj. Eŭropa Komunumo disdividiĝis. La ekonomie plej fortaj ŝtatoj kiel Germanio, Francio, Hispanio, Italio la unuan fojon rifuzis subteni la rezolucion pri homaj rajtoj en Ĉinio. Usono ludis duoblan ludon. Unuflanke, ĝi evoluigas ekonomian kunlaboron, kiu estis simbole substrekita per la vizito de la vicprezidento de Usono al Ĉinio, ĝuste dum la kunsido de la Konferenco, sed aliflanke, ĝi ne volis forlasi sian zorgon pri homaj rajtoj pro sia influo en la mondo. Ili trovis jenan solvon : oni atendis proponi la rezolucion ĝis la momento kiam usona vicprezidento forlasis ĉinan teritorion.

Ĉe aziaj ŝtatoj, la ĉinoj ne devis multe klopodi. Neniu el ili deziras konflikti kun la plej granda forto en tiu regiono. Pro tio, post la "aĉeto de la Okcidento" kaj Oriento "konvinkita", la ĉinoj povis trankvile atendi la finon de la Konferenco. Por la Okcidento ĝi estis tragikomika. La malagrablan rolon de la rezoluciproponanto ricevis Danio, al kiu la ĉinoj tute publike minacis "ke ĝi konfrontos kun la konsekvencoj", se ĝi ne rezignos pri la propono. En la koridoroj ili moke demandis: "cetere, kio estas fakte Danio?", aludante pri ĝia grandeco. Danio tamen persistis, sed ĝin subtenis nur kelkaj malgrandaj eŭropaj ŝtatoj kiel Luksemburgo, Belgio, Nederlando. El la grandaj subtenis ĝin nur Britio kaj Usono. La Okcidenta fiasko estis kompleta.

Absolute certa pri sia venko, la ĉina ambasadoro juĝis la proponon de la rezolucio kiel : "malbona kutimo de iuj okcidentaj politikistoj, heredita el kolonialismo". Lia mesaĝo estis jena : "Tiuj okcidentaj politikistoj deziras transpreni la sorton de Ĉinio en siajn manojn. Kia honto! La ĉinia popolo sekvis sian vojon jam de pli ol 5000 jaroj kaj nenio povas devojigi ĝin, ankoraŭ malpli kelkaj kontraŭĉiniaj rezolucioj. La evoluo de Ĉinio estas historie certigita kaj neniu forto el la mondo povas malhelpi la evoluon de 1,2 miliardoj da ĉinoj". Ŝajnas ke la Okcidento komprenis la mesaĝon. Nun aperas, rilate al tio, nova aliro : diskuti partnerece kun Ĉinio pri homaj rajtoj, sen rezolucioj. Por la rezolucioj ekzistas aliaj ŝtatoj kiel : Sudano, Nigerio, Kroatio, Bosnio kaj Hercegovino, - sed neniam Israelio aŭ Saud-Arabio. Fakte, la rezolucioj ne estas la reflekto de la stato de homaj rajtoj, sed ĉefe de rilatoj, de politikaj fortoj kaj politiko-ekonomiaj aliancoj, antaŭ kiuj la homaj rajtoj ĉiam perdas.

*V.S.*




## Ret-Angulo

sekretario : Gerardo ROLLIN
88 rue Victor Hugo
Fr-37400 AMBOISE
Tel: +33(0)2.47 57 55 63
Tel-faks: +33.(0)2.47 57 78 95

*Arturo kaj Aleksandra vizitis antaŭnelonge Johanon kaj Jannie Van der HOEK, kiuj loĝas apud Alkmaar norde de Amsterdamo. Ili prezentas kelkajn impresojn de tiu vizito.*

"Johano kaj Jannie loĝas en moderna privata domo en ĉirkaŭurbo de Alkmaar. Tamen ili posedas duan domon tra heredaĵo de Jannie el ŝiaj gepatroj en la poldero de Bemster. Tie vivis dum jardekoj simpla familio de kamparanoj, en ĉarma dometo protektita de digo kaj ventmuelejoj, en tuta kradreto de drenkanaletoj.

La gepatroj de Jannie estis normale ŝparemaj en epoko, kiam oni neniam forĵetis ion rubujen. La hazardoj de la vivo faris ke la tuta meblaro kaj eĉ tag-ilaro restis en la sama loko kiel antaŭ kvardek jaroj. Tie nun ni povas ĝui eksterordinaran muzeeton de kampara domo, mastrumatan de afablaj kaj sindonemaj esperantistoj. Tio estas unikaĵo en la Amikeca Reto !

Krome, daŭre ekzistas neordinara energifonto, kiu postvivas de jarcento. Tie oni iam fosis puton por profiti de natura gasrezervo en profundo de kvardek metroj. Tiu fonto hejtigas la domon, lumigas ĝin kaj eĉ ebligas kuiradon.

La gaso venas de torfaj subteraj tavoloj, sed laŭdire trapasas la akvotavolojn. Pro ebla poluo de tiu akvo, la registaro bremsas tiujn personajn energifontojn, kaj ŝajne nun postrestas nur tri privataj gasfontoj en Nederlando. Ĉu vere tio endanĝerigas nian medion ? Kiel savi tiun historiaĵon ? Ĉu ekzistas samtipaj fontoj aliloke en la mondo ?

# RAPORTO DE LA PLENUM-KOMITATO por la periodo de aŭgusto 1996 ĝis majo 1997

**Plenum-Komitato**

Dum tiu ĉi periodo okazis elektoj de la nova Plenum-Komitato kiuj finiĝis per la tutasocia referendumo. Ĉar kandidatis neniu alia urbo krom Parizo, estis elektitaj kandidatoj de tiu ĉi urbo. Fakte estis reelektitaj la antaŭaj komitatanoj al kiuj aldoniĝis nia kasistino, kamaradino Tereza Sabatier. La novelektita Plenum-Komitato komencis sian trijaran mandaton en marto 1997.

La PK kunvenis kiel kutime, dufoje monate kaj traktis diversajn problemojn. Unu inter ili estis la aperigo de malfermita letero al IKEK kiu cetere provokis multajn reagojn kaj kiujn ni traktis en kelkaj numeroj de Sennaciulo. Alia problemo kiu reaperas estas la problemo pri la ejo pro kiu ni havis dum multaj jaroj proceson kun la najbaro. Ĉar li definitive perdis, nun li opinias ke la ejo tamen ne apartenas al SAT sed al ĉiuj kunproprietuloj. Finfine povas okazi ke nun ni devos procesi kun la kunproprietuloj. Dum la kongreso en Aŭgsburgo verŝajne ni povos doni al vi pli da informoj pri la stato de tiu afero.

**SAT-Adresaro kaj membraro**

Tiun ĉi jaron ni reeldonos la SAT-Adresaron. K-do Gabalda sukcesis aranĝi la programon per kiu ni principe devus korekti la antaŭajn erarojn. Jam pluraj gekamaradoj demandis nin kial la Adresaro jam ne aperis, sed la vera problemo estas manko de mono. Fakte, ĉi jare ni tute ne plialtigis la kotizojn kaj malgraŭ tio, ni perdis sufiĉe multe da membroj. Tio ankaŭ grave malgrandigas la kotizkvanton. Multaj membroj ne plu repagis sian kotizon inter kiuj estas ankaŭ sufiĉe multaj malnovaj membroj. Ni ne konas la kialon. Efektive ni konscias ke estas krizo en la tuta mondo. Tamen niaj kotizoj estas relative malaltaj kompare kun aliaj asocioj. Krome ni havas diversajn kotizkategoriojn, tiel ke vere ĉiu, kiu ŝatas nian asocion, certe povas pagi unufoje jare sian kotizon kaj abonon al nia organo Sennaciulo. Eble ni devos pridiskuti la ideon ke nia SAT-Adresaro aperu ankoraŭ malpliofte, t. e. ĉiujn tri aŭ kvar jarojn. La Adresaro 1997-1998 estas nun en la presejo kaj principe vi havos ĝin antaŭ la kongreso.

**Administrado**

En pariza oficejo daŭre kaj konstante deĵoras k-do Barkoviĉ. Li faras sekretarian laboron, redaktan, kaj akceptas gastojn kaj klientojn, plenumas mendojn, fakturas kaj ekspedas la pakojn. Ofte li devas labori dum suplementaj horoj por povi normale plenumi ĉiujn taskojn. Pluraj gekamaradoj plendas pro tro malfruaj respondoj al iliaj leteroj aŭ malfruiĝo de la Adresaro aŭ de la gazeto. Ili tute ne konscias pri la kvanto da laboro kaj taskoj farendaj. La moderniĝo de la agado kaj enretiĝo de SAT postulas plian laboron. La preparo de TTT-paĝoj, la regula ŝanĝo de tiuj paĝoj kun forigo de malnovaj informoj kaj ĝisdatigo postulas sufiĉe multe da tempo. Ĉion tion prizorgas k-do Barkoviĉ. Kamaradino Sabatier venas regule unufoje semajne por fari ĉefajn kontad- kaj kaslaborojn kaj korekti eventualajn erarojn kiujn faris k-do Barkoviĉ okaze de perkomputoraj kontoregistradoj.

**Kasa raporto - jaro 1996**
**(ĝi aperos en julia S-ulo)**

**Rilatoj kun LEA-oj**

La rilatoj kun Laboristaj Esperanto-Asocioj estas nun ankoraŭ pli bonaj pro du eventoj. La unua estas la apero de LEA-ligilo kiu estas iniciatita kaj realigata de niaj kamaradoj el SATEB. Tiu ligilo aperas kelkfoje en la jaro kaj ĝia celo estas dirita en ĝia nomo. Tiu ĉi presaĵo devas ebligi al diversaj LEA-oj esprimiĝi kaj diskonigi ideojn kaj agojn inter si. La dua evento estas la fondiĝo de du novaj LEA-oj, tiu de Itala LEA kaj de PREM (rusa LEA). Tiuj du LEA-oj petis la aliĝon al la LEA-Komitato kaj dum la kongreso en Aŭgsburgo ili devus esti akceptitaj kaj la unuan fojon aktive partopreni en la laboro de LEA-Komitato. Ni salutas kaj bonvenigas tiujn du novajn fratorganizojn kaj deziras al ili longan kaj fruktodonan vivon. Ni esperas ke danke al ili pligrandiĝos kaj plifortiĝos la SAT-movado en iliaj respektivaj teritorioj, ĉar unu el la ĉefaj taskoj de ĉiu LEA-o estas, krom la instruado kaj diskonigo de Esperanto, la varbado de novaj membroj al SAT.

**Rilatoj kun TANEF**
**(Naturamika INternacio)**

Ankaŭ tiun ĉi jaron TANEF havos sian jarkunvenon dum la SAT-kongreso en Aŭgsburgo. Krome, la Naturamikoj organizos postkongreson en la Nigra Arbaro.

**Konflikt-Komisiono**

Ĝis ĉidate 15.5.1997) ne okazis konflikto en SAT, kiun oni anoncis al la Konflikt-Komisiono.

**Ĝenerala Konsilantaro**

La K.K.-sekretario ree admonas la gekamaradojn en la mondo anonci sin al la tasko de Ĝenerala Konsilanto kat. A. Ĝis nun estas nur en la horzonoj 1 kaj 8, kie ili ne vakas.

**Landaj Perantoj**

Dum tiu ĉi periodo okazis ŝanĝo de Peranto en Litovio. Nia kamarado **Viktoras Baniulaitis**, pro malbona sanstato decidis forlasi la postenon kaj transdonis ĝin al kamaradino **Graĵina Opulskiene**. Ni dankas al k-do Baniulaitis, kiu fariĝis nia peranto por Sovetunio kiam tio ne estis facila. Li faris multon por venigi al SAT multajn novajn membrojn el diversaj Sovetiaj Respublikoj kaj post la falo de Berlina muro kaj sendependiĝo de Litovio daŭrigis sian laboron en sia lando. Dankon kamarado Viktoras pro ĉio kion vi faris por nia asocio. Samtempe ni bonvenigas kamaradinon Opulskiene kun kiu ni esperas havi longtempan kaj fruktodonan kunlaboron.

Ankaŭ nia itala peranto decidis forlasi sian postenon. Ni serĉas inter niaj italaj membroj iun kiu estus preta transpreni tiun gravan postenon.

Niaj rilatoj kun aliaj landaj perantoj estis tre bonaj.

**Sennaciulo**

Kion diri pri Sennaciulo ? La redaktoro daŭre klopodas fari interesan gazeton, sed tio ne estas ĉiam facila. Kvankam en ĉiu numero li vokas al kunlaboro, la rikolto de kunlaboraĵoj ne ĉiam estas abunda kaj ĉefe ne ĉiam kvalita. Ni principe aperigas la plej multajn el senditaj artikoloj, sed ne ĉiuj estas kvalitaj kaj interesaj por la tutmonda legantaro.

Dum la kongreso en St. Peterburgo oni decidis fari de tempo al tempo laŭtemajn numerojn. La unuaj proponitaj temoj estis : *"Sanprizorgado en mia lando"* kaj *"Nacia kaj monda kulturoj (rigardo de ekstere kaj interne)"*. Artikoloj pri tiuj temoj devis esti senditaj al k-do Bert de Wit. Bedaŭrinde, nek li nek la redaktoro ricevis iun ajn materialon. Do ni tute ne povis realigi la kongresan decidon. Eĉ nun ni povas starigi al ni la demandon: al kio servas la decidoj, se oni ne plenumas ilin ? En nia fratgazeto "Laŭte" aperis debato pri Laborista E-Movado kaj evidente estis ankaŭ aludoj pri Sennaciulo. Nia kamarado Vince iom kritikas ĝin kaj aludas pri trotimemo kaj eĉ cenzuro kiam temas pri artikoloj kiuj kritikas reĝimojn en kelkaj landoj. Ni ne aperigis ĝin por ne endanĝerigi niajn membrojn en tiuj landoj. Bonvolu legi la artikolon "Homaj rajtoj - kio estas tio ?" en ĉi tiu numero. Ĉiakaze estus bone ke ni diskutu pri tio dum nia kongreso.

Plian fojon oni povas konstati ke ne sufiĉe da gekamaradoj kunlaboras en Sennaciulo. Preskaŭ ĉiam aperas la samaj nomoj el samaj landoj, precipe el Francio. Kelkfoje alvenas la artikolo pri iu lando verkita de kamarado el alia lando. Estus multe pli bone se ni ricevus artikolon el la lando mem. Same, ni ricevas tro ofte la artikolojn pri historiaĵoj kiuj en si mem povas esti interesaj, sed tio ne altiras la junulojn. Ilin pli interesas la aktualaĵoj kaj la estonto kiu atendas ilin. Do, ni estu aktualaj kaj modernaj. Preparu vin por la konstruktiva debato kun konkretaj ideoj kaj proponoj kiujn ni vere povos efektivigi.

**Sennacieca Revuo**

Ankaŭ por tiu ĉi Revuo, kiu nun aperas kiel jara suplemento de Sennaciulo (la abono estas inkluzivita en la abonon al Sennaciulo) ne alvenas sufiĉe da materialo. La redaktorino, nia kamaradino Krys Bottrill invitas ĉiujn kapablulojn verki kaj kunlabori por S.R. La ĉi-jara numero aperos kiel suplemento de aŭgust-septembra numero de Sennaciulo. Tiuj, kiuj ne pagis sian kotizon-abonon por 1997 ĝis la fino de junio ne ricevos ĝin. Bonvolu poste ne plendi ke vi ne ricevis ĝin, ĉar la kialo jam nun estas klara.

**Eldonoj, librovendado**

En la lasta jaro, danke al la prunto kaj subteno de niaj membroj, ni sukcesis reeldoni nian Plenan Vortaron. Ĝi estas plaste bindita, simile kiel tiu antaŭa japana eldono. Ni esperas ke ĝi daŭre bone vendiĝos.

Ankaŭ ni lanĉis la presadon de la "Vualo de l'silento" akceptante tre favoran prezoferton de presisto el Budapeŝto. Bedaŭrinde, jam pasis pluraj monatoj kaj ni ne havas novaĵon pri la evoluo de la laboro. Ni timas ke ni estos devigataj haltigi ĉion kaj serĉi alian presiston. Tion ni vere bedaŭras ĉar la libroj presitaj de hungara presisto estas bonkvalitaj kaj la prezoj interesaj.

Bedaŭrinde, niaj libroj praktike ne vendiĝas. Krom PIV kaj PV - la aliaj titoloj daŭre atendas siajn legantojn. Ni vere ne komprenas, kial tiel bonega verko kia estas "La Fremdulo" de A. Camus ne vendiĝas, malgraŭ la reklamado kaj relative malalta prezo.

**SAT kaj Internet**

Jam de iom da tempo SAT uzas tiun modernan komunikilon por prezenti sin al la mondo kaj kontakti kun aliaj geesperantistoj. Ni jam havas en la reto plurajn TTT paĝojn. Ĉiuj niaj LEA-oj ankaŭ estas prezentitaj, same SAT-frakcioj, fakoj kaj servoj. Kvankam necesas sufiĉe da tempo por okupiĝi pri tiuj paĝoj, k-do Barkoviĉ faris ilin kaj provas regule ĝisdatigi aŭ pliriĉigi ilin. Hodiaŭ eblas aliĝi al SAT tra Internet, aliĝi al la SAT-kongreso, rekte skribi aŭ sendi mesaĝojn aŭ mendojn al SAT. Krome, ni estas rekte ligitaj kun kelkaj amikaj organizoj, gazetoj aŭ movadaj paĝoj. Iom post iom ankaŭ tio pliboniĝos. Ni atendas viajn opiniojn kaj ideojn por ankoraŭ pli bone uzi tiun modernan kaj hodiaŭ neeviteblan komunikmanieron. Ni ripetu ĉi tie la du retadresojn de nia Asocio.

Tiuj kiuj deziras konsulti niajn TTT-paĝojn : **http://www.worldnet.net/~sat-esp.** Tiuj kiuj deziras skribi al ni, sendi mesaĝojn aŭ artikolojn, bonvolu uzi nian elektronikan adreson: **sat-esp@worldnet.net**.

**Filatela servo**

La prizorganto de Filatela Servo, nia kamarado **Modesto Ramelli, 11 impasse du Moulin Neuf, FR-57160 Chatel St. Germain**, daŭre atendas viajn poŝtmarkojn. Bonvolu sendi ilin rekte al lia adreso kaj ne al SAT-ejo. Dankon.

**Amikeca Reto**

Kiel vi povas konstati legante Sennaciulon, nia Amikeca Reto estas daŭre tre aktiva servo. Ĝi ankaŭ projektas baldaŭ havi siajn proprajn TTT-paĝojn kiuj ankoraŭ pli bone montros ĉiujn eblecojn kiujn tiu servos proponas. Pri ĉiuj informoj kaj aliĝoj (aŭ realiĝoj) bonvolu turni vin al : **AMIKECA RETO, 88 rue Victor Hugo, FR-37400 Amboise, Francio.**

**Junulfako**

Pro disiĝo de la pariza junulara kerno (pro studoj kaj laboroj), niaj gejunuloj ne plu aktivas. En la lasta tempo kreiĝas iu nova junulara kerno kiu espereble provos revigligi la fakon. Ni tre dezirus ke baldaŭ aperu Junulfaka TTT-paĝo en la reto, por montri ke ankaŭ SAT havas sian junularon kiu agas por la efektivigo de celoj de SAT.

**Frakcioj**

Kelkaj SAT-frakcioj estas sufiĉe viglaj kaj la aliaj malpli. Kiel jam dirite, ankaŭ la frakcioj nun havas siajn TTT-paĝojn en la Reto kaj tiel povas larĝe diskonigi siajn aktivecojn. Ni deziras, ke malgraŭ la ideaj aŭ ideologiaj diferencoj inter diversaj frakcioj, ĉiuj frakciaj membroj bone konsciu, ke ni ĉiuj estas SAT-gekamaradoj, kaj ke la celo de frakcioj ne estas konkurenci inter si kadre de SAT sed aktivi ekster SAT, esperantigi kaj SAT-anigi siajn neesperantistajn samopiniantojn. Nur forta kamaradeca kaj solidareca etoso interne de SAT povas evoluigi, plifortigi kaj diskonigi nian laboristan asocion.

Ni povas indiki ke sub la instigo de kelkaj parizregionaj SAT-anoj el la Liberecana Frakcio, kreiĝis la grupo CNT-Esperanto-fako, kadre de la sindi-

kata konfederacio CNT.

**Kongresoj**

Jam la trian fojon en la historio de SAT ni kongresas en Aŭgsburgo. Ankaŭ tiun ĉi fojon la organizadon proponis kaj kuraĝe efektivigis nia kamarado Hermann Schmid. Organizi kongreson ne estas facila tasko sed malgraŭ tio, li ne hezitis. Ni deziras ĉi tie elkore danki al li kaj al tiuj kiuj helpis aŭ helpas al li en tiu entrepreno. Venontan jaron ni devus kongresi denove en la lando, kie antaŭ la falo de Berlina muro kaj disfalo de Sovetio, SAT ne havis enirrajtojn. Temas pri belega ukraina kaj nigramara urbo Odeso. Jam kuraĝa skipo de entuziasmuloj komencis prepari la kongreson. Ni ricevis belan leteron de la urbestro de Odeso, kiu esprimas kontenton pri la elekto de tiu ĉi urbo kaj promesas helpon al la organizantoj. Do, jam nun ni komencu prepari nin por la vojaĝo al Ukrainio.

**Konkludo**

Jen resumite nia agado dum tiu ĉi periodo. Bonvolu prijuĝi ĝin kaj ni esperas akcepti. Restas al ni nun pritrakti la planojn por la venonta agado, pridiskuti eventualajn erarojn kaj korekti ilin. Ni preparu agadplanon en ĉiuj sferoj de nia laborista movado, serĉu la manieron por plifortigi ĝin, venigi novajn membrojn kaj pravigi la ekziston de nia neneŭtrala movado. En la nuna maljusta mondo, mondo de neegaleco, de riĉulegoj kaj malriĉuloj, de senlaboreco, de ŝovinismo kaj rasismo, ni SAT-anoj havas ion por diri kaj fari. Ni mobiliziĝu kaj agu. Pri niaj agoj nunaj kaj estontaj ni informu la mondon per ĉiuj niaj rimedoj - de Sennaciulo ĝis Interreto.

La P.K. de SAT

## FILATELA SERVO

Nia k-do Ramelli ĵus ĝiris al SAT 1.035,00 FRF kiujn li sukcesis enkasigi per vendo de viaj poŝtmarkoj. Poŝtmarkojn sendis gekdoj: Masseron, Chevrolat, Beau, Prevost, Ternant, Borremans, Severa, Rapley, Lebec, Colnot, Boré, Masson, Signoret, Monier, Snajpero. Ni dankas al ĉiuj. Bonvolu daŭre sendi poŝtmarkojn rekte al : Modesto RAMELLI, 11 Impasse Moulin Neuf, FR-57160 Chatel St. Germain.



# VIAJ OPINIOJ

Pri la enhavo respondecas la aŭtoroj mem !

## ERARO

Mi tre ĝojus, se estintus en Strasburgo la 29-an de majo, ses**cent**mil homoj por manifestacii kontraŭ la Nacia Fronto. Sed la organizantoj vidis nur ses**dek**mil.

La polico vidis nur 30.000. Nun la homoj parolas kutime pri 50.000.

Ĉar "Justico kaj liberoj" atendis nur 25.000, tio estis granda sukceso.

Kvankam la nacia himno estis inventita en Strasburgo, tamen Strasburgo ne estas Marsejlo. Ne temas pri grandeco de kaptita fiŝo. Do ne necesas dekobligi.

*Jacqueline Lépeix*

***

## - Kia ajn, kio ajn, BUMERANGE -

Mi persistas aserti, ke la komunisma idealo - laŭ mia kompreno pri tiu esprimo trovita en amika rebato - estas komuna al preskaŭ ĉiuj SAT-anoj. Mi aldonis tiun "preskaŭ" nur pro tio, ke oni rajtas esti SAT-ano eĉ sen la plej elementa politikfilozofia kulturo, kaj mi deziras ofendi neniun. Ideo de aneksado estas absurda kaj ekstertema.

Cetere mi ne vere pretendas esti komunisto, sed nur provas esti, pli malpli sukcese. Por esti komunisto, ne sufiĉas proklami sin tia. Tial mi evitos diri, ke ni estas preskaŭ ĉiuj komunistoj.

Mi estas feliĉa konstati, ke la akustiko en S.Peterburgo ne estis tiel malbona, kiel iu krude asertis. Tamen mi ne ekzakte diris, ke mi ne vidas diferencon inter liberecanoj kaj komunistoj. Mi diris ke kion ĉiuj nunaj komunistoj principe havas komune - tio estas la referenco al la "Komunista Manifesto" -, tion ili ankaŭ havas komune kun la liberecanoj. La ideo aliĝi al la liberecana frakcio principe ne ofendas min, kaj mi tutfratece salutas ĝiajn membrojn. Mi ankoraŭ ne estas matura por la efektiviĝo. Ĉu vi deziras ekskluzivan informon? Kropotkin interesas min. Louise Michel estis amikino de la patrino de mia avino, kaj ŝi havas honorlokon inter miaj plej ŝatataj libroj. Proudhon tedas min. Kaj jen: la Franca Komunista Partio almenaŭ de 1979 agnoskis en sia statuto la influon de la liberecanaj temoj en la franca laborista klaso. Sen intenco aneksi.

Mi ĉesas kompreni, kiam oni diras:

"Kia ajn estas la senco, mi ne estas komunisto, kaj mi estas eĉ anti-, kontraŭkomunisma". Kia ajn estas la senco? Tio estas kio ajn. Se la senco de komunismo estas kia ajn, logike kontraŭkomunismo egalas komunismon. Kiu diras tion, tiu do bumerange kontraŭas sin mem kaj aplikas al si mem la koncernajn komplimentojn.

*Petro Levi 23111*

**TIO ESTAS LA LASTA NUMERO KIUN VI RICEVIS SE VI NE PAGIS VIAN KOTIZON 1997.**

# Novaĵoj tra INTERNET




**Io novas en ORF-RAI**

Kio? Jen:

Radio Aŭstria Internacia iĝas, se vi tion volas, via salut- kaj muzikdezirkuriero. Vi sendas al ni la salutojn por viaj parencoj, geamikoj, gekonatuloj estantaj ie sur la terglobo, dediĉante al ili unu muzikaĵon. Ni disaŭdigos jenan deziron en nia programero: "Wunschmelodien"; ĉiusabate je 14,05; 19,30 kaj 23,05 same, kiel dimanĉe je 03,05; 08,30 kaj 13,05 UTC.

Por ke tio funkciu, ni bezonas la sekvajn:

Vian nomon (propran kaj familian):

Vian loĝlokon:

Vian landon:

La deziratan elsendodaton kaj unu rezervdaton:

Vian muzikdeziron (muziktitolon, plenumanton):

Unu rezervdeziron, je kazo se la unuan ni estus nehavantaj:

Saluttekston:

Tion ĉion sendu al ni kaj aŭskultu en la menciita dato la elsendojn! Ni petas almenaŭ unu monatan distancon inter peto kaj dezirinta elsendodato!

Kore salutante vin ĉiujn

Katinjo - *eventoj@hungary.net*

***

**"Esperanto" en la baza interreta adreso**

La adresoj de la informpaĝoj de esperantistoj kaj de Esperanto-organizoj nur malofte enhavas la vorton "Esperanto", eĉ kiam ekzistas forta volo aranĝi tion. SEF, Sveda Esperanto-Federacio, kiu sukcesis registri por sia uzo la adreson "esperanto.se", pretas helpi al tiuj, kiuj volus simpligi la adreson de sia informpaĝo pri Esperanto. Jen ekzemplo, kiel tio funkcius:

Tutmonda Esperanto-Amikaro (TEA) havas sian informejon je la adreso de sia sekretario, kiu deĵoras ĉe universitato. Por atingi tiun informejon oni devas skribi, ekzemple, <http://www.uni-k.xy/~magdak/esperanto/tea/info.html>. Pruntante la adreson de SEF, sufiĉus skribi <http://www.esperanto.se/tea/>, pli facile memorebla.

Tiu ĉi solvo ne signifas, ke la informejo moviĝus al la servilo, kiun SEF utiligas. Ĝi daŭre restus en la universitata servilo kaj estus prizorgata de la sekretario de TEA. Nur la startadreso ŝanĝiĝus. Kaj se la organizo movas iam sian paĝaron al aliaj servilo aŭ adreso, la startadreso povos plue resti sama.

Kaj la kosto?

Sveda Esperanto-Federacio postulos pagon por tiu servo: la kosto de unu membrokotizo de UEA (kategorio MA) pagenda al Fondaĵo Canuto. La kosto estas unufoja, sed se oni movas la paĝojn al alia servilo, tio kaŭzos iom da laboro kaj necesigos denovan pagon al Fondaĵo Canuto.

La servo estas unuavice por Esperanto-organizaĵoj, sed unuopuloj, kiuj ŝatus utiligi tiun eblecon, estas ankaŭ bonvenaj. Bonvolu noti, ke tio ne donas la retpoŝtan adreson <io_ajn@esperanto.se>.

Pliaj informoj estas haveblaj de SEF <sef@esperanto.se>.

*Franko Luin <franko@esperanto.se>*




*Jen la TTT-paĝo de SAT-servoj kaj fakoj. Sur la bildo estas videbla nur Amikeca Reto.*

ALIĜU AL LA KONGRESO !

NE ATENDU LA LASTAN MOMENTON

HELPU AL LA O.K.

**KVINA LISTO DE KONGRESALIĜINTOJ**

112. F. Knöferl (DE); 113. A. Pialla (FR); 114. P. Pialla (FR); 115. S. Georgieva (BG); 116. J. Jones (AU); 117. K. Böhnke (DE); 118. M. Schattenberg (DE); 119. H. Theobald (SE); 120. D. Conti (IT); 121. A. Bertelli (IT); 122. S. De Weerd (BE); 123. H. Peyrouty (FR); 124. D. Leroy (FR); 125. B. Nordlöf (SE).



# 70-a Kongreso de S.A.T.

## 02.-09.08.1997 en Augsburg

OKK :
Prezidanto : Hermann Schmid
Adreso : Esperanto-Press Augsburg, Hermann Schmid, Waterloostrasse 21, DE-86165 Augsburg,
Telefono el eksterlando : + 39.821.792835 ; el Germanio : 0821 / 792835 + 488149
Poŝtkonto : Hermann Schmid, Sonderkonto 86356 Neusäß. Postgiramt München Kto-nro 56 99 93-808 (Bank-kodo 700 100 80) por 70a kongreso de SAT 1997 - Augsburg.

| **KONGRESKOTIZOJ** | **ĝis 1997.06.15** | **poste** |
|---|---|---|
| SAT-membro | 124.-DEM | 10% pli |
| SAT-geedzoj | 206.-DEM | en ĉiuj |
| SAT-gejunuloj | 66.-DEM | kategorioj |
| Gasto | 176.-DEM | |
| Gast-geedzoj | 246.-DEM | |

Infanoj (ĝis 15 j) ne pagas la kotizon
**Kongresejo : KOLPINGHAUS, Frauentorstr. 29, DE-86165 Augsburg.**

La supre menciitaj kotizoj (kategorio A) validas por la partoprenantoj el la landoj de Eŭropo ne sube menciitaj kaj el Aŭstralio, Israelio, Japanio, Kanado, Usono, Korea Respubliko, Sudafriko.
La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SK, SI (kategorio B) ĝuas 30 % rabaton.
La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa SU, eksa YU krom SI kaj ĉiuj afrikaj, amerikaj kaj aziaj landoj krom supre menciitaj (kategorio C) ĝuas 50 % rabaton).
La aliĝilon bonvolu peti ĉe la adreso de la O.K.K.

Estimataj gekamaradoj, karaj aliĝintoj al la 70-a Esperanto-kongreso de SAT en Augsburg 1997. Eble vi atendas ankoraŭ kelkajn frazojn. Jen, mi klopodas nomi kelkajn detalojn. Kiel jam dirite, la kongresejo estos Kolpinghaus, Frauentorstr. 29, tram-haltejo"Mozarthaus". Ni publikigos en la julia numero de S-ulo skizon, sed mi jam nun priskribas la vojon. Vi eniru la tramon numero 2 ĉe la stacidomo, direkto enurben Kriegshaber kaj eliru la 5-an haltejon Mozarthaus. Tiam, vidalvide, estas la kongresejo Kolpinghaus (ne pretervidebla). Oni povas ankaŭ uzi taksion. Tiu kiu povas bone marŝi facile povas atingi ĝin piede.

Rilate tranoktejojn, ni havas je dispono kelkajn hotelojn kaj kelkajn ekleziajn institutojn. Inter ili estas unu, en kiu mi rezervis 50 unulitajn ĉambrojn, tre bone ekipita kaj je kosto de 40 DEM kun matenmanĝo. Ĉar tiu instituto troviĝas periferie de la urbo, estos buso matene kaj vespere, aŭ oni facile povas uzi proprajn aŭtomobilojn. La aliaj ekleziaj institutoj troviĝas proksime de la Kolpinghaus kaj estas piede atingeblaj. Tiuj kiuj loĝos en la ekleziaj institutoj proksimaj de la Kolipnghaus matenmanĝos en Kolpinghaus, ĉar pro la feria tempo oni ne servas en la institutoj.

La teatra vespero okazos vendrede. Dum la aliaj vesperoj okazos ĉu prelegoj, diskutoj aŭ muzika prezento. La duontagaj ekskursoj okazos marde kaj ĵaŭde, kaj la tuttaga merkrede. Mi klopodos prezenti interesan, allogan programon, simile kiel dum la aliaj SAT-kongresoj de 1970 kaj 1977. K-doj Führer kaj Beau zorgos pri la libroservo.

La fakto ke nun la gekamaradoj el orienteŭropaj landoj povas partopreni la kongreson iom komplikigas la organizadon, ĉar oni devas doni certan rabaton, kaj pro la malfacilaj socialaj cirkonstancoj en multaj landoj la gekamaradoj ne havas tiom da financaj rimedoj kiel antaŭe por donaci al la solidarfonduso. Do, ne eblas ĉion fari, kion mi imagis. Sed eble ankoraŭ aperos kelkaj mecenatoj, kiuj iom finance subtenos la kongreson ? Eble ankaŭ ĉi-foje funkcios lotumado de kunportitaj objektoj kies profito eniros la solidarfonduson ? Mi esperas ke vi kunportos diversajn aĵojn por tiu celo.

Do, tiom por hodiaŭ kaj ĝis julia numero. Via,

H. Schmid.



*Kolpinghaus - nia kongresejo*

★

ESPERANTO
SENNACIECA LINGVO

## EL ESPERANTO-MOVADO

❒ En konata internacia sendependa gazeto **"HEROLDO DE ESPERANTO"**, numero 4-5 1935-36) frontpaĝe, inter la aliaj interesaj artikoloj aperas tre interesa intervjuo kun la prezidanto de la P.K. de SAT, k-do Yves Peyraut, sub la titolo "SAT havas morgaŭon". Intervjuon faris la redaktorino Perla Martinelli.

❒ **En la sama numero de "HEROLDO DE ESPERANTO"** aperas "kalendaro 1997/98 de Heroldo". Temas pri du grandaj paĝoj - formato A3- kun informoj pri diversaj okazontaĵoj en Esperantio, ordigitaj laŭ monatoj. Nepre leginda numero.

❒ **Naŭ eŭropaj urboj** estis elektitaj de la eŭropaj ministroj de kulturo kiel "eŭropaj urboj pri kulturo en la jaro 2000". Tiuj naŭ urboj estas : Avinjono (FR), Bergeno (NO), Bolonjo (IT), Bruselo (BE), Krakovo (PL), Helsinko (FI), Prago (CZ), Rejkjaviko (IS), Santiago (ES). Estus interese, ke esperantistoj el tiuj urboj partoprenu en la manifestacioj organizotaj. Pli bone estus, se ili mem starigus E-aranĝojn en tiu kadro. Tiel ili pruvu sian ekziston, kaj samtempe valoron de nia lingvo sur la kampo de internacia komunikado. Por plia kontakto: E-Grupo, 55 Bulvardo Raspail, FR-84000 Avignon.

Informas: André Gente.

❒ **Koresponda Servo Mondskala**, unu el la plej malnovaj servoj de UEA, ricevis en 1996 multe pli da korespondpetoj ol en 1995. En 1995 venis 362 petoj, sed en 1996 jam 579. Plej multe kreskis la petoj el Brazilo (de 69 al 124), Francio (de 76 al 110), Rusio (de 10 al 48), Kenjo kaj Madagaskaro (ambaŭ de 1 al 14), kaj Kubo (de 3 al 20). La kresko rezultis el la pasintjara kampanjo de UEA por diskonigi la agadon de la Koresponda Servo. Dankon meritas ankaŭ Esperanto-gazetoj, kiuj aperigis informojn pri KSM. La adreso de Koresponda Servo Mondskala estas : BP 6, FR-55000 Longeville-en-Barrois.

Informas: Osmo Buller.

❒ **Silvestra balo**, kulturaj aranĝoj kaj ekskursoj okazos en Parizo de la 30-a de decembro 1997 ĝis 3-a de januaro 1998. Informojn donas : Raymonde Pérault, Centre Culturel Espéranto de Paris, 4 bis rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris. Telefono : +33.1.42.78.68.86.
Telekopiilo : +33.1.42.78.08.47.

S.A.T.  erinaco

DISTRA PAĜO POR SERIOZAJ SAT-ANOJ

## MALDUNGOJ ĈE RENAULT




El "Le Monde"

## EKSTREMDEKSTRULOJ EN STRASBURGO




## BESTOPROTEKTADO

